Kvara Numero Aprilo 1932

# La GAZETO de la XXIVa
## UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Parizo : 30a Julio - 6a Aŭgusto 1932

Tarifo por Reklamoj: 300 frankoj po paĝo kaj proporcie por frakcioj ĝis 1/16 de paĝo. Rabato por ripetitaj enpresoj.

Ĉefredaktoro : Raymond Schwartz
Teknika Direktoro : L. N. Newell

Adreso de la Redakcio :
LA MAISON DE FRANCE
101, Av. des Champs-Élysées
PARIS-VIIIe

Nepresitajn manuskriptojn la Redakcio resendos, nur se ili estas akompanataj de respondkuponoj por la afranko.

# MONO-LOGO

GRANDAJ parizaj magazenoj sciigis lastatempe per multkoloraj afiŝoj, ke « estas nun la ĝusta momento por aĉeti, ĉar la prezoj atingis la minimuman nivelon », aŭ ke « aĉetadi estas hodiaŭ nacia devo por eviti senlaborecon », k. t. p., k. t. p.

Restu for de mi ĉiu petola emo al facila parodio, sed... ankaŭ ni suferis lastatempe pro malrapida evoluo, ankaŭ ni baraktas en la ŝajne senelireja cirklo de tiu rezonado : Por atingi la celon ni bezonas monon ; monon ni havos, kiam ni staros ĉe la celo. Do kuraĝe ni eliru el tiu fatala cirklo kaj ankaŭ ni proklamu, ke « estas nun la ĝusta momento por propagandi », kaj ke « kunlabori al la propagando signifas hodiaŭ puŝi nian movadon al la celo. »

La Pariza Kongreso estos « trafilo » (por repreni epiteton aplikitan jam al la Deka), trafilo, kiu breĉigos la « murojn de miljaroj ». Ĉio rajtigas nin esperi triumfon. Neniam ni staris tiel proksime de nia venko. « Nun estas la ĝusta momento por la fina atako ! »

Ho, miaj bonaj geamikoj, se ni sukcesos en Parizo, ni sukcesos tra la tuta mondo. Tial kunhelpu al brilega manifestacio. Kiamaniere ? Pli ol admono utilos mono. Kaj, finfine, kio estas la kerno de pro-PAG-and' ? Sekve...

Enviciĝu, mecenatoj, en tiun fortan taĉmenton, kiun formas la kongresnumeroj 11 ĝis 100 ; partoprenu en tiu nobla vetkonkuro, kiun prezentas la aŭkcia akiro de l' kongresnumero 1 — kaj, vi ĉiuj, varbu aliĝantojn al tiu brava armeo de l' pacaj batalantoj, kiuj portos la numerojn Centunu ĝis Dioscias inkluzive.

Necesas, ke en Parizo ni montru nin al la mondo ne humile sed plurmile. Kaj tiam estos la Venka Kongreso.

R. S.

# La Franca Gazetaro

La eksterlandanoj partoprenontaj la Parizan Kongreson devas ne forgesi, ke en Francujo la ĉefurba gazetaro ludas gravan kaj gvidantan rolon en la lando, kvankam ekzistas multaj bonaj kaj modernaj regionaj kaj departamentaj gazetoj (franca ĉiutaga gazeto estas *journal*, kaj *revue* estas duon- aŭ ĉiumonata perioda eldonaĵo).

La gazetaro estas dividita je diversaj kategorioj : informa kaj politika ; kaj laŭ la horo de aperado : matena, tagmeza kaj vespera.

La ĉefaj informaj gazetoj estas jenaj :

*Excelsior* : multilustrita gazeto kun fotografaĵoj de la antaŭtagaj okazintaĵoj.

*L'Intransigeant* : la ĉefa vespera gazeto, ankaŭ la plej ampleksa. Dum aliaj aperas sur 4-8 paĝoj, ĝi donas de 10 ĝis 16 paĝoj. Diversaj fakoj (turismo, aŭtomobilismo, ĉasado, teatro, kinematografo, granda sporta rubriko) kaj multaj anoncoj. Tre legata en la pariza regiono, ne en la provincoj.

*Le Journal* : interesa pro siaj enketoj kaj eklektikaj artikoloj.

*Le Matin* : rapidaj informoj dank' al komuna kablo kun anglaj gazetoj.

*Paris-Midi* : tagmeza gazeto kun bona borsa paĝo kaj revuo de la matena gazetaro.

*Paris-Soir* : multilustrita vespera gazeto laŭ similaj metodoj kiel *Excelsior*.

*Le Petit Journal* : pli disvastigita en la provincoj, ol en la ĉefurbo, legata de mez-burĝa publiko.

*Le Petit Parisien* : la plej disvastigita kun perfektaj teknikaj rimedoj, rapidaj informoj kaj bonaj raportistoj.

*Le Quotidien* : antaŭe politika gazeto, nun fariĝis informa kun maldekstra tendenco.

La politikaj gazetoj estas la jenaj :

*L'Action Française* : monarkista kun kunlaboro de polemikisto Léon Daudet kaj teoriisto Charles Maurras.

*L'Ami du Peuple* : du eldonoj de la konata parfumfabrikanto Coty, naciista tendenco. Prezo 15 centimoj, anstataŭ 25 por ĉiuj aliaj.

*L'Aube* : katolika gazeto kun pacifistaj tendencoj.

*La Croix* : ĉefa katolika gazeto.

*L'Echo de Paris* : tradicia naciista kaj katolika gazeto, legata en aristokrataj kaj militistaj rondoj.

*L'Ere Nouvelle* : organo de Radikal-Socialista Partio kun kunlaborado de s-roj Herriot kaj Painlevé. Publikigas la oficialan bultenon de la partio.

*Le Figaro* : dekstra, legata en aristokrataj kaj mondumaj rondoj. Bonaj literaturaj artikoloj.

*La Gauche* : maldekstra gazeto kun ĉiutaga artikolo de konata pamfletisto s-ro Georges Ponsot.

*L'Humanité* : oficiala organo de la Komunista Partio (prezo 30 centimoj).

*Le Journal des Débats* : vespera, malnova, modera gazeto, legata de politikistoj, intelektuloj. Gravaj kaj dokumentitaj artikoloj pri ekstera politiko kaj ekonomio (prezo 40 centimoj).

*La Liberté* : dekstra polemikema vespera gazeto.

*L'Œuvre* : maldekstra gazeto, vivanta, sprita, enhavanta multe da pariza spirito.

*L'Ordre* : polemikema modera gazeto de s-ro Buré.

*Le Peuple* : oficiala organo de la Kunfederacio de Laboristaj Sindikatoj (C. G. T.).

*Le Populaire* : oficiala organo de la Socialista Partio.

*La République* : organo de la junaj radikaluloj, vigla kaj batalema, multe pristudas ekonomiajn problemojn.

*Le Soir* : vespera gazeto kun socialista tendenco.

*Le Temps* : vespera, tre konata gazeto kun similaj tendencoj, influa en ĉiuj politikaj rondoj. Diversaj aldonoj. Nun ĝi modernigis la prezenton (prezo 40 centimoj).

*La Volonté* : maldekstra gazeto kun interesaj artikoloj pri literaturo, teatro kaj ekstera politiko.

Semajnaj ilustritaj gazetoj :

*L'Illustration* : universala, tre bela ilustrita gazeto, kun bildoj reprezentantaj ĉiun artan kaj progreseman tendencon.

*Miroir du Monde* : simila, sed kun instruaj kaj sciencaj artikoloj.

*Pour Vous* kaj *Cinémonde* : kinematografaj ilustritaj gazetoj.

*Vu* : okazintaĵoj de la semajno per fotografado kun aktualaj artikoloj.

Sportaj gazetoj :

*L'Ami du Sport* : alia eldonaĵo de Coty.

*L'Auto* : ĉiutaga, pri ĉio, kio temas sportojn.

Industriaj gazetoj :

*La Journée Industrielle* : ĉefa organo dediĉita nur al la ekonomio (prezoj, doganordonoj, studoj, k. t. p.).

*Le Journal du Commerce* : simila.

Semajnaj aktualaj gazetoj : Ili rakontas sub formo de anekdotoj kaj ehoj la kulisajn aferojn de la politiko, teatro, literaturo, k. t. p., kaj en spritaj kaj elegantaj vortoj. La ĉefaj estas *Charivari, Coup de Patte, Aux Ecoutes* — dekstraj ; *Le Cri de Paris, d'Artagnan, Cyrano* — mezaj ; *Le Carnet de la Semaine, Le Cri du Jour* kaj *L'Œil de Paris* — maldekstraj.

Teatraj ĵurnaloj :

*Comédia* : ĉiutaga, nur pri teatro, arto kaj literaturo.

Fremdlingvaj ĵurnaloj :

En Parizo aperas jenaj fremdlingvaj ĉiutagaj ĵurnaloj :

*Daily Mail, Chicago Tribune, New York Herald*, en angla lingvo ; *Kurjer Polski*, en pola lingvo ; *Poslednija Novosti* kaj *Vozrojdenje* en rusa lingvo ; kaj *Pariser Hajnt* en novhebrea lingvo.

Léon Agourtine.

# Rememoroj de Maljuna Esperantisto

Eltiroj pri la X-a Universala Kongreso

[*De la jaro 1904, kiam li lernis Esperanton, s-ro Rollet de l'Isle plenumis tre multajn oficojn kaj faris grandan laboron en nia movado. La jenaj detaloj pri liaj oficoj atestas lian senlacan intereson pri Esperanto : iama Prezidanto de la Sekcio de la Latina Kvartalo, Prezidanto de la S. F. P. E. (1911-1922), Prezidanto kaj organizanto de la X-a Universala Kongreso kun s-roj Bricard kaj Chaussegros, iama Prezidanto de la Pariza Grupo, Generala Sekretario de I. S. A. E., membro de I. C. K., Lingva-Komitatano kaj direktoro de la sekcio por teknikaj vortaroj. Li estas la aŭtoro de multaj franclingvaj broŝuroj propagandaj kaj de* Marista Terminaro. *Krome, li estas ĉefinĝeniero de la Franca Maristaro, kaj Komandoro de la Franca Honora Legio.* — La Redakcio.]

Profesoro Bourlet, Prezidanto de la Pariza Grupo, estis preparinta la « Dekan » kun pasia zorgo ; li jam unu jaron antaŭe redaktis detalan programon ; ĝi multe helpis la organizantojn, kiuj ricevis, post lia morto, okazinta en aŭgusto 1913 pro stulta akcidento, la pezegan ŝarĝon anstataŭi lin.

Li unue pensis elekti kiel kongresejon la Grandan Palacon ĉe Champs-Elysées ; sed la elspezoj farotaj estus estintaj tiel grandaj, ke oni devis forlasi tiun projekton.



Dank' al amikaj rilatoj de generalo Sébert kun s-ro Gaumont, tiu lasta konsentis pri luado, por la Kongreso, de kinemo-teatro Gaumont, nura domo ĉe Parizo sufiĉe vasta por enteni la 3.500 atenditajn kongresanojn. La kvartalo, kie estas tiu palaco, ne estas bela, sed la monumento havis belan eksteraĵon kaj la internaj aranĝoj estis taŭgaj ; nun ĝi tute ŝanĝiĝis, ĉar ĝi estis rekonstruata laŭ moderna stilo antaŭ kelkaj monatoj.

Ĝi estis ornamita de nia lerta samideano arkitekto Agache ; granda verda standardo flirtis sur la pinto de la monumento, kaj tre videbla afiŝo, super la enirpordo, montris la vortojn : « Esperanto-Kongreso », kune kun grandega verda stelo. La granda halo estis ornamita per Esperantaj standardoj, kaj granda tabulo super la scenejo montris la vortojn : « En la mondon venis nova sento. »

... Fakte la Kongreso okazis, ĉar la 2-an de aŭgusto je la 20-a horo, la Malferma — kaj samtempe Ferma — Kunsido, daŭris kelkajn minutojn, dum kiuj s-ro Agache legis leteron de generalo Sébert salutantan kaj adiaŭantan la ĉeestantojn, kiuj aliparte estis nur francoj.

Efektive la alilandanoj devis, post proklamo de la ĝenerala mobilizado, foriri kiel eble plej rapide por eviti malliberadon. Ne estis facile trovi rimedojn por faciligi tiun foriron, ĉar ĉiuj stacidomoj estis plenplenaj de forirantaj alilandanoj ; oni preskaŭ ne plu trovis monon, ĉar subite oni ne plu akceptis la monbiletojn, kaj oni malfacile trovis metalmonon.

Dank' al klopodoj de niaj samideanoj Bolingbroke-Mudie kaj Warden tuta karavano da anglaj kongresanoj sukcesis foriri ĝustatempe.

Inter la forirantoj estis la hispanaj geaktoroj de s-ro Gual, alkondukitaj de nia samideano s-ro Pujula, kiuj devis ludi *Georgo Dandin*, de Molière, tradukitan de nia Majstro....

Lastan fojon mi vidis nian amikon Bolingbroke-Mudie en uniformo de angla oficiro. Mi vizitis lin, en 1915, ĉe la vilaĝo apud Dieppe (Francujo), kie li dejoris kiel oficiro de angla ĉevalflegejo. Mi deziris interparoladi pri organizado de Esperantistaj interpretistoj en la armeoj de la interligitaj nacioj ; mi skribis al li kaj li invitis min. Li estis, kiel ĉiam, ĉarma kaj gaja, kaj oni ne povis pensi, ke, post kelkaj monatoj, stulta akcidento de aŭtomobilo estos foriginta el niaj vicoj tiun sindoneman kaj neanstataŭeblan apostolon de nia afero....

Tiu propono fondiĝis sur tiu ideo, ke Esperantisto estas fakte duona interpretisto por ĉiu lingvo, se oni kunigas lin kun alia Esperantisto konanta tiun lingvon. Nu, en armeo kies elementoj povas agi kune kun diverslandaj armeoj, sufiĉus havi, en ĉiu elemento, unu Esperantiston, anstataŭ multaj interpretistoj. Mudie aprobis tiun ideon, sed bedaŭrinde, en la tiamaj cirkonstancoj, tiaj proponoj ne aperis sufiĉe gravaj al la aŭtoritatuloj, kaj tiu projekto certe ne estis eĉ ekzamenata....

Rollet de L'Isle.

# Nediskretaj Rimarkoj

## KELKAJ KRITIKOJ

« La legado de la *Gazeto de la XXIV-a* estas vere interesa, » diris al mi mia amiko. « Mi ekzemple vidis en la lasta numero, ke okazos temanĝo ĉe Galeries Lafayette. Do, se mi havus edzinon, mi ne aliĝus al la Kongreso, ĉar dece mi ne povus aliĝi sen ŝi. »

« Mi ne vidas rilaton... »

« Ĉu eble ? Pripensu ! Se kun mia edzino mi akceptus tian inviton, mia edzino certe profitus tian momenton por funde viziti la magazenon kaj vi ja scias, ke okazos ankaŭ dum la Kongreso Internacia Balo ; vi antaŭvidas, kio rezultus ; vi scias, kiom la virinoj estas facilaj por la tento ; ŝi certe trovus neimageblajn okazojn por « malkare » aranĝi la balan tualeton (por si mem, kompreneble, ĉar hazarde neniam troviĝas okazoj por la edzoj), kaj mia pene ŝparita mono.... Kaj tiuj tualetoj ! Oni riskas vidi belajn spektaklojn, se oni ne kontrolos la kostumojn. Ha, se mi estus en la L. K. K., mi starigus specialan kostuman cenzuron.... Cetere, kio estas tiu Internacia Balo ? Skandalo ! Ĉu oni bezonas danci ? Oni ja kunvenas por gravaj celoj.... Mi tute forigus la Internacian Balon.... »

Mia amiko ŝajnis en vere kritikema statfarto kaj la kritikado tondre daŭris. « Diru, kio estas kongreso ? Kunveno por serioza laboro, ĉu ne ? Sekve, kia estas utileco de oficiala Malferma Kunsido ? Oni ja ne laboras dum tiu tempo. Oni perdas sian tempon ! Ni forigu la Malferman Kunsidon. Kaj pristudinte la aferon, la laboraj kunsidoj, ĉu vi opinias, ke ili efektive estas bezonataj ? Oni neniam pli bone laboras, ol kiam oni estas sola en la silento de sia laborĉambro ;

dume, se oni estas pluraj, nenie bona laboro povas rezulti. Ni forigu laborkunsidojn. »

« Kara amiko, » mi ridis, « se vi forigos la Malferman Kunsidon, se vi forigos la laborkunsidojn, se vi forigos manĝ-kunvenojn, se vi forigos la Internacian Balon kaj, verŝajne, la teatraĵon, nenio restos, do ne okazos la Kongreso. Kaj, cetere, vi grave eraras. Ĉiuj el tiuj manifestadoj havas sian utilecon. Oficiala Malferma Kunsido estas bonega propagando por nia lingvo, kaj, aliparte, ĝi permesas retrempiĝon de ĉiu el ni en la komuna entuziasmo kaj, sekve, rehardiĝon de nia volo. Se efektive oni bone laboras kiam oni estas sola, el la komuna laboro oni ĉerpas novajn ideojn kaj persistemon. Kaj kiam oni bone kaj multe laboris, necesas ja novajn fortojn akiri, fizikajn kaj moralajn, turni sin momente al io alia — kaj jen la utileco de temanĝoj, de teatraĵoj kaj de baloj ; kaj (inter ni) vi kiu estas fraŭlo, vi eble konatiĝos dum la balo kun iu ĉarma fraŭlino kaj vi kreskigos Esperantan familion. Cetere, neniu devigas vin danci, vi povos trinki, eĉ drinki, ĉe l' bufedo en bona kaj honesta societo, kaj mi scias, ke vi tion multe ŝatas. »

JOSEPH NELS.

## Nia Titolo

La titolo de tiu ĉi numero de la *Gazeto de la XXIV-a* estas kompostita en la karaktero Firmin Didot. Tiu karaktero estas desegnita de Firmin Didot, tre fama gravuristo kaj presisto de la komenco de la XIX-a jarcento, kaj kiel reago kontraŭ la karaktero Elzevir, iom tro fleksebla, estis ĉe sia apero tute revolucia. Ĝi estis multe uzata, kaj fariĝis unu el la plej tipaj francaj karakteroj. La nunaj literoj estas faritaj per la originalaj patricoj de Firmin Didot, kiujn posedas nun la firmo Deberny & Peignot, kiu faris la kliŝon por tiu ĉi numero.

## Kongresa Babilado

LAŬDIRE, unu el la karakterizaĵoj de la vera parizano estas la kutimo puŝi, kiam li legas sur la pordo de kafejo « tiru », kaj tiri, kiam li legas « puŝu ». Simile, li kutime eliras fervojan stacion per la enirejo, kaj tiel plu. Nu, ĉiu bonmora kongresano deziros montri sin vera parizano, sed estos iom malfacile, se li ne komprenos la francan lingvon. La L. K. K. longe konsideris tiun problemon, kaj fine sin turnis por solvo al la ĉefaj fervojaj kompanioj de Francujo. Nun tiuj kompanioj, nome la Ŝtatfervojoj, la Norda Fervoja Kompanio kaj la Fervoja Kompanio Paris-Lyon-Mediterranée, promesis lokigi en la alvenaj stacioj de Parizo kaj en la landlimaj stacioj (Calais, Boulogne, Vallorbe, Modane, k. c.) afiŝetojn en Esperanto, kun la surskriboj Eliro, Biletoj, Monŝanĝo, Alveno, Direkto al ..., kaj tiel plu. Entute, oni tradukis kvardek surskribojn uzatajn en stacidomoj. Du el la kompanioj ilin montros dum la kongresa periodo, kaj la tria dum la tuta jaro. Ĉi tio multe faciligos vojaĝadon al la kongresanoj, kaj ebligos al ili malobei ĉiujn regulojn, kvazaŭ ili estus en sia hejmlando.

* * *

Kun granda bedaŭro mi devas anonci, ke la Munhena biero kaj franca tabako, kiujn mi menciis lastan monaton, sukcesis sanigi nian amikon Baghy nur dum mallonga tempo. Konsulto ĉe kuracisto montris, ke li kredeble devos esti operaciata, kaj je la nuna momento li kuŝas en hospitalo, atendante la verdikton de la specialistoj. Laŭ ĝisnunaj sciigoj, la afero estas ĝena, sed tute ne danĝera, kaj oni esperas, ke li povos repreni la Ĉe-kursojn, kiujn li brile gvidis, jam



JULIO BAGHY

en la mezo de majo. Mi scias, ke ĉiuj kongresanoj kaj aliaj amikoj liaj deziros kun mi, ke li tre baldaŭ resaniĝu kaj retrovu sian forton.

* * *

En la lasta numero mi menciis, ke la Ĝenerala Sekretario de la L. K. K. estas fierega. Nun mi devas anonci, ke la Teknika Direktoro de la *Gazeto de la XXIV-a* estas sufiĉe malfiera. En nia marta numero li publikigis tute plaĉan bildon de « Moulin Rouge », kun la subskribo « antaŭe unu el la plej famaj kabaredoj de Montmartre, nun varietejo ». Tiu subskribo estas perfekta, aparte de la faktoj, ke « Moulin Rouge » neniam estis kabareto, kaj estas nun kinemejo. Ni ne parolu pri la preseraroj, per kiuj *kabaredo* anstataŭas *kabareto* kaj *varietejo* anstataŭas *varieteejo* (pli bone, *varieteo-teatro*). La T. D. estas tre malgaja, kaj trovas nur unu konsolon : ke lia nescio pri Montmartre pruvas la purecon de lia vivo en Parizo !

ELENO VINFERO.

# LA XXIV[A] UNIVERSALA KONGRESO

Parizo, 30 Julio — 6 Aŭgusto 1932

## OFICIALAJ SCIIGOJ

**Oficiala Invito :** La Kongreso okazos en Parizo laŭ oficiala invito de la Ĉambro de Komerco de Parizo, sendita al la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado.

**Honora Prezidanto de la Patrona Komitato :** S-ro Paul Doumer, Prezidanto de la Franca Respubliko.

**Loka Kongresa Komitato :** Prezidanto, Georges Warnier ; Vic-Prezidanto, Int.-Gen. Louis Bastien ; Kasisto, Lucien Tuleu ; Ĝenerala Sekretario, L. N. Newell ; Help-Sekretario, Jean Marchand.

Komitatanoj : Jean Couteaux, René Dubois, Maurice Duperrey kaj Célestin Rousseau.

**Nova L. K. K.-ano :** En sia lasta kunsido la L. K. K. elektis s-ron L. Cozic (Prezidanto de la Federacio de la Pariza Regiono) membro de la L. K. K.

**Kongresa Oficejo : La Sekretariejo translokiĝis al la Kongresejo mem, la Maison de la Mutualité, 24, rue Saint-Victor, Paris-V ; ĉi tiu adreso estas de nun la oficiala adreso de la Kongreso por ĉiuj komunikajoj. Kompreneble, leteroj jam adresitaj al la Maison de France estas regule transsendataj al la nova Sekretariejo.**

**Banko : La L. K. K. translokigis sian konton al nova filio de la Société Générale : ĉekoj estu pagotaj al la « XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto », konto 10.066, Agence HV, Société Générale, Paris.**

**Poŝtĉeka Konto :** Oni adresu poŝtajn ĉekojn al « XXIV[e] Congrès Universel d'Esperanto, Paris 1647-59. »

**Kongresaj Ekskursoj :** La L. K. K. organizas diversajn ekskursojn por kongresanoj dum la kongresa semajno. Sube troviĝas la listo de ekskursoj jam pridecidítaj, kun prezoj. Oni notu, ke la prezoj estas maksimumaj ; estas eble, ke ili estos iomete pli malaltaj kiam oni dissendos (post kelkaj semajnoj) al ĉiuj kongresanoj la mendilojn por ekskursoj.

PARIS : matene . . . . . . . . . . Fr. 15,—
posttagmeze . . . . . . . . Fr. 15,—

La ekskursanoj veturos en luksaj aŭtomobilegoj, kaj vizitos la ĉefajn monumentojn kaj interesajojn de la urbo.

VERSAILLES . . . . . . . . . . . . Fr. 15,—

La ekskursanoj vizitos la grandan palacon kaj ankaŭ la « Grand Trianon » ; oni veturos de Parizo al Versailles per specialaj vagonaroj. Tiu ĉi ekskurso okazos dum la posttagmezo.

FONTAINEBLEAU . . . . . . . . . Fr. 42,—

La ekskursanoj veturos en luksaj aŭtomobilegoj. La L. K. K. organizos komunan manĝon (en la arbaro de Fontainebleau mem, se la vetero permesos), je malalta kosto. La ekskurso estos tuttaga.

La ĉi supraj prezoj enkalkulas ĉiujn elspezojn, inkluzive de enirpagoj kaj trinkmono. Por ĉiu ekskurso la L. K. K. organizos stabon de kompetentaj Esperantistaj gvidistoj.

**Transporto de Kongresanoj :** Por karavanoj kaj por aliaj kongresanoj vojaĝantaj multope, la L. K. K. aranĝos transporton de la alvena stacidomo ĝis la Kongresejo, kaj laŭeble, de la Kongresejo ĝis la hoteloj de la vojaĝantoj. La prezo estas 4 frankoj po persono. Organizantoj sin turnu kiel eble plej frue al la Prezidanto de la Komisiono por Vojaĝoj kaj Ekskursoj (Int.-Gen. Louis Bastien, 116, rue de Vaugirard, Paris-VI), donante plej precizajn detalojn pri la nombro de vojaĝantoj, la alvena stacio kaj vojiro, kaj la dato kaj horo de alveno en Parizo. Oni devos antaŭpagi ĉi tiun servon.

Krome, laŭ peto, la L. K. K. organizos transporton de karavanoj de la Kongresejo al la forira stacio ĉe la fino de la Kongreso. Ankaŭ pri tiu demando oni sin turnu al la Prezidanto de la Komisiono por Vojaĝoj kaj Ekskursoj.

**Karavano per Speciala Vagonaro :** La L. K. K. ricevis sciigon pri speciala vagonaro por kongresanoj, kiun organizas la ĉeĥoslovakaj fervojoj. Jen estas la teksto de la sciigo sendita de la Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista :

« La Fervoja Direkcio en Praha ekspedos laŭ interkonsento kun Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista specialan vagonaron el Praha al Parizo por alte rabatita prezo. Se tion deziras plimulto el la interesiĝantoj, foriros la vagonaro unu semajnon antaŭ la komenco de la Kongreso kaj ebligos viziton ankaŭ de aliaj francaj lokoj.

« Kongresanoj vojaĝantaj unuope al Parizo tra Ĉeĥoslovakujo ricevos 33-procentan rabaton sur ĉeĥoslovakaj fervojoj ; uzontoj de la speciala vagonaro havos el Praha ĝis Parizo rabaton ankoraŭ pli altan. Samaj rabatoj validas por la revenvojaĝo.

« Partoprenantoj en la komuna vojaĝo ricevos ankaŭ loĝadon kaj eventuale ankaŭ manĝon en Parizo, kaj dum la antaŭ-kongresa semajno ankaŭ gvidadon.

« Skribu kun almetita respondkupono al Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Urálské nám 447, Praha-XIX, donante la jenan informon :

*a)* Tra kiu limstacio vi eniros en Ĉeĥoslovakujon kaj tra kiu stacio vi eliros (la necesan rabatilon ni sendos afrankite por tri respondkuponoj) ;

*b)* Ĉu vi preferas daŭron de la vojaĝo de la 23 julio ĝis la 7 aŭgusto, aŭ de la 30 julio ĝis la 7 aŭgusto?

« Ĉiu demandinto ricevos ĝustatempe informon pri definitiva aranĝo.

« Kosto de dusemajna vojaĝo (rapidvagonara veturo el Praha kaj reen, loĝado kaj manĝoj dum la tuta daŭro, dum antaŭ-kongresa semajno ankaŭ gvidado) estas 1.800 ĉeĥoslovakaj kronoj aŭ 54 usonoj dolaroj. »

**Gvidlibro pri Parizo :** La L. K. K. donacos al ĉiu kongresano praktikan kaj kompletan gvidlibron pri Parizo, en Esperanto, kun belaj planoj de la stratoj, urba fervojo, aŭtobusoj kaj tramlinioj.

**Kongresa Teatraĵo :** La L. K. K. decidis prezenti en Esperanto dum la Kongreso la mondfaman francan komedion, *Knock,* de Jules Romains. Esperantistaj aktoroj jam famaj en niaj kongresoj ludos la diversajn rolojn.

Krome, la teksto de la teatraĵo estas malmultkoste eldonata en Esperanto de la Centra Librejo Esperantista, por ke kongresanoj povu trastudi la komedion antaŭ ol ĝin aŭdi en la teatro mem. La L. K. K. esperas fari definitivan anoncon pri prezo en la proksima numero de la *Gazeto de la XXIV-a.*

**Membroj de Komisionoj :** La L. K. K. elektis la jenajn membrojn de Komisionoj :

Komisiono pri Fakaj Kunvenoj : s-ro Maurice Duval (sekretario).

Komisiono pri Instruado : s-roj Jan Kostecki ; L. Le Cornec ; Paul Larue.

Komisiono pri Ĝenerala Reklamo : s-roj J. Dusausoy kaj E. Houbart.

Komisiono por la Alilanda Gazetaro : s-ro F. K. Abbott (Direktoro, International News Service) ; s-ino M. Fallot (Redaktorino, Instituto de Intelekta Kooperado) ; s-roj G. Geville (Kasisto, Sindikato de la Alilanda Gazetaro en Parizo) ; R. E. Heinzen (Prezidanto, Asocio de la Anglo-Amerikana Gazetaro en Parizo) ; S. Krainik (Ĝenerala Sekretario, Sindikato de la Alilanda Gazetaro en Parizo) ; P. Landowski (Ĝenerala Sekretario, Sindikata Asocio de la Alilanda Gazetaro en Parizo) ; M. d'Orsay (Direktoro, Agence des Informations Sud-Americaines) ; M. Rouff (Prezidanto, Sindikata Asocio de la Alilanda Gazetaro en Parizo) ; C. Smogorzewski (Prezidanto, Sindikata Unio de Polaj Ĵurnalistoj en Francujo) ; W. de Leria (Prezidanto, Asocio de Alilandaj Ĵurnalistoj).

Radio-Komisiono : s-roj R. Gaveau (sekretario), H. Dubuisson, A. Trotin. R. Mesny, P. Corret, E. Houzé, J. Jungfer, G. Avril kaj N. La Colla.

**Ĉe-kursoj :** Por varbi novajn kongresanojn, la L. K. K. organizas Ĉe-kursojn en Parizo kaj aliloke en Francujo. Ĝis nun okazis tre sukcesaj kursoj en Parizo (Sorbonne, Ecole Normale de Sténotypie et Secrétariat, Ecole de Haut Enseignement Commercial pour Jeunes Filles, Agence Globe Trotter, Institut d'Optique) kaj en Strasbourg. Ĉi tiuj kursoj servas ne nur por varbi kongresanojn, ili ankaŭ estas bonega rimedo por vigligi la lokan movadon. Grup-sekretarioj kaj aliaj estas petataj komuniki kun la Prezidanto de la Komisiono por Instruado, s-ro Jean Marchand, 49, avenue de Verdun, Issy (Seine), por ricevi informon pri la organizado de tiaj kursoj.

---

# KVARA LISTO DE KONGRESANOJ

Kongres-numero

19. Ernest Archdeacon, à bord de l' « Esperanto », Saint-Cloud (Seine), Francujo.
307. Andrés Piño (advokato), Calle Colon 24, Valencia, Hispanujo.
308. F-ino Amparo Piño, Calle Colon 24, Valencia, Hispanujo.
309. F-ino Rosa Piño, Calle Colon 24, Valencia, Hispanujo.
310. Henri-Charles Nonin (ĝarden-kulturisto), rue Jean-Macé 9, Châtillon-sous-Bagneux (Seine), Francujo.
311. Jean P. H. Nonin, rue Jean-Macé 9, Châtillon-sous-Bagneux (Seine), Francujo.
312. F-ino Marthe Grossin, rue St-Hilaire 136, Rouen (Seine-Inférieure), Francujo.
313. Harald Thilander (redaktoro), Stocksund, Svedujo.
314. S-ino Varma Thilander (presistino), Stocksund, Svedujo.
315. Julius Hasselbach (pianagordisto), Niemetzstrasse 10, Berlin, Germanujo.
316. Eugen Reiche (instruisto), Stralauer Allée 25-a, Berlin, Germanujo.
317. Albert Masselier, boulevard Fichot 49, Neuilly-Plaisance (S.-et-O.), Francujo.
318. S-ino A. Masselier, boulevard Fichot 49, Neuilly-Plaisance (S.-et-O.), Francujo.

319. F-ino Marguerite MARION, rue St-Hilaire 136, Rouen (Seine-Inférieure), Francujo.

320. S-ino Hendrika SOETEMAN-RIIBE, Copernicusstraat 110, s'Gravenhage, Holando.

321. F-ino Germaine WOILLE, chez Mme Bonnet, rue M.-Gambier, Livarot (Calvados), Francujo.

322. Felix EPSTEIN (bankoficisto), Eilbeckerweg 195, Hamburg, Germanujo.

323. F-ino Marie LARROCHE, rue de Vaugirard 55, Paris-VI, Francujo.

324. S-ino Antonine DRU (muzik-instruistino), rue des Africains 1, Orléans (Loiret), Francujo.

325. Paul JADOT (kontregistristo), rue Poccard 17, Levallois-Perret (Seine), Francujo.

326. René MESNY (profesoro), rue Jacob 21, Paris-VI, Francujo.

327. Georges ROUX (profesoro), rue de Bourgogne 77, Orléans (Loiret), Francujo.

328. Ernest SCHWEINGRUBER (inĝeniero), rue des Africains 1, Orléans (Loiret), Francujo.

329. Madeleine HAUDEBINE (piedflegistino), rue Carpeaux 1 bis, Paris-XVIII, Francujo.

330. Emiljan LOTH (inĝeniero-kemiisto), Narutowicza 107, Lodz, Polujo.

331. Gilbert DANIEL (ornam-skulptisto), rue Fondary 39, Paris-XV, Francujo.

332. F-ino Ilse HABERLAND (stenotipistino), Friedrich Karlstrasse 13, Berlin O. 112, Germanujo.

333. S-ino Marie HABERLAND, Friedrich Karlstrasse 13, Berlin O. 112, Germanujo.

334. Josef GEHRMANN, Ortlohstrasse 40, Recklinghausen III, Westfalen, Germanujo.

335. Emile MICHELIS DI RIENZI, château Beauchaine, Jouarre (S.-et-M.), Francujo.

336. F-ino Cécile ROYER (instruistino), rue des Carmes 14, Paris-V, Francujo.

337. René DUBOIS, rue de la Tombe-Issoire 58, Paris-XIV, Francujo.

338. Paul ECHARD, rue Sikélias 12, Athenaï, Grekujo.

339. Constantin NAOUMOFF (inĝeniero), rue d'Alsace 24, St-Germain-en-Laye (S.-et-O.), Francujo.

340. René CHAPRON (advokato), rue des Champs 32, Le Mans (Sarthe), Francujo.

341. Gerard DE BOES, Wijnstraat 81, Ronse, Belgujo.

342. B. BEAU (instruisto), rue de Lyon 23, Mâcon (S.-et-L.), Francujo.

343. Fernand BROSSIER (aktuaro), rue du Docteur-Heulin 25, Paris-XVIII, Francujo.

344. Raymond-Jean GILLES (oficisto), rue de l'Abbé-de-l'Epée 9, Paris-V, Francujo.

345. Raymond GAVEAU (reprezentanto), rue Klock 23, Clichy (Seine), Francujo.

346. Albert LAÜFER, Willigisplatz 2, Mainz, Germanujo.

347. D-ro Léopold-Adrien MALMANCHE (farmacisto), avenue de Paris 101, Rueil-Malmaison (S.-et-O.), Francujo.

348. Charles FRITSCH (brosisto), Institution des Aveugles, Still, Alsace, Francujo.

349. Raymond-Georges TOURNAY (drapiristo, seĝfaristo), passage Thiéré 2, Paris-XI, Francujo.

350. Joseph KNEBLER (matisto), Institution des Aveugles, Still, Alsace, Francujo.

351. Henri MASSELIER (pentristo), boulevard Fichot 49, Neuilly-Plaisance (S.-et-O.), Francujo.

352. F-ino Fanny BONNET (instruistino), place d'Anvers 12, Paris-IX, Francujo.

353. Edmond POMEROL, rue Escudier 3 bis, Boulogne-Billancourt (Seine), Francujo.

354. Ture OLSSON, Bondegatan 21, Örebro, Svedujo.

355. Lucien TULEU (kontisto), rue Cardinal-Mercier 6, Paris-IX, Francujo.

356. Marcel SCHAFF, rue Croix-des-Petits-Champs 11, Paris-I, Francujo.

357. S-ino L. TULEU, rue Cardinal-Mercier 6, Paris-IX, Francujo.

358. S-ino Marguerite HONORAT, avenue Garibaldi 40, Limoges (Haute-Vienne), Francujo.

359. S-ino Jeanne POLGAR, allée du Buisson 7, Verrières-le-Buisson (S.-et-O.), Francujo.

360. Victor POLGAR (majstro-presisto), rue Lacépède 33, Paris-V, Francujo.

361. F-ino Marion BLAU (sekretariino), rue Saint-Victor 24, Paris-V, Francujo.

362. Jakob GLICENSZTAJN (fabrikejestro), Zachodnia 54, Lodz, Polujo.

363. S-ino Sara Mirla SREBNIK-GLICENSZTAJN, 1 Maja 19, Lodz, Polujo.

364. F-ino Gezina JONGBLOED (apotekistino), Hijghenslaan 70, Arnhem, Holando.

365. G. H. H. VAN ZEYL JR. (oficisto), Willemsplein 12, Arnhem, Holando.

366. Egidius L. WENSING (oficisto), Benthuizerstraat 105 b, Rotterdam, Holando.

367. F-ino Charlotte J. SMEELE, Wijkerstraatweg 266, Velsen-Noord (Noord-Holland), Holando.

368. GERMANA ESPERANTO-ASOCIO (R. S.), Johanniterstrasse 9, Berlin SW. 61, Germanujo.

369. Léon BRAET (entreprenisto), Langestraat 6, Nieuport, Belgujo.

370. Thomas FORSTER (ĝenerala vendisto), Cowshill, Wearhead, Durham, Anglujo.

371. S-ino Mary FORSTER, Cowshill, Wearhead, Durham, Anglujo.

372. M. F. ONNEN, Nachtegaallaan 6, s'Gravenhage, Nederlando.

373. Arthur WIRZ, Jurastrasse 17, Solothurn, Svisujo.

374. F-ino Suzanne GAGER (oficistino), villa Stendhal 8, Paris-XX, Francujo.
375. F-ino Isabel C. FORTEY, Cliftonville, Hyndford, Dorking, Surrey, Anglujo.
376. Gabriel FERRAN (profesoro), rue Avisseau 59, Tours (I.-et-L.), Francujo.
377. S-ino Marthe FERRAN (profesorino), rue Avisseau 59, Tours (I.-et-L.), Francujo.
378. Jan Jacob FILOTT (direktoro de lernejo), Tongersche weg 58, Maastricht, Nederlando.
379. Léon COGEN (pacjuĝisto), rue Drève 52, Ninove, Belgujo.
380. Paolo MODUGNO, via Vittorio Veneto 78, Bari, Italujo.
381. Louis GENIN, rue Dupré 23, Jette, Belgujo.
382. S-ino L. GENIN, rue Dupré 23, Jette, Belgujo.
383. D-ro J. VANVERTS (kuracisto), rue Solferino 236, Lille (Nord), Francujo.

**Laŭlanda Statistiko :** Alĝerio, 1 ; Aŭstrujo, 1 ; Belgujo, 22 ; Ĉeĥoslovakujo, 5 ; Francujo, 180 ; Germanujo, 15 ; Granda Britujo, 22 ; Grekujo, 1 ; Hispanujo, 9 ; Holando, 16 ; Italujo, 5 ; Jugoslavujo, 1 ; Polujo, 12 ; Rumanujo, 1 ; Saarteritorio, 1 ; Svedujo, 6 ; Svisujo, 3.

**Entute, 301 kongresanoj el 17 landoj.**

---

## Donaca Kaso

TRIA LISTO

Transportita el la Dua Listo, Fr. 1.593,25 ; A. Pino, 5 ; H. C. Nonin, 45 ; s-ino M. Haudebine, 25 ; C. Naoumoff, 25 ; V. Polgar, 50 ; f-ino I. C. Fortey, 60 ; L. Cogen, 25.

**Sumo, Fr. 1.828,25.**

---

## Blindula Kaso

TRIA LISTO

Transportita el la Dua Listo, Fr. 802,75 ; S-ino Marcelle Tiard, 50 ; H. Thilander, 250 ; s-ino Basset, 15 ; Esperanto-Grupo, Rosny-sous-Bois, 25 ; Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj, 250 ; A. Engelmann, 20 ; J. Cohen, 10.

**Sumo, Fr. 1.417,75.**

---

## Garantia Kaso

DUA LISTO

Transportita el la Unua Listo, Fr. 120.000 ; J. Couteaux, 5.000.

**Sumo, Fr. 125.000.**

L. N. NEWELL,
*Generala Sekretario de la L. K. K.*

# PARIZO

Estas precipe du urboj en Eŭropo, kiujn mi ĉiam denove deziras reviziti dum miaj vojaĝoj : Budapesto kaj Parizo. Kial ĝuste tiuj ĉi urboj estas la celo de mia revado, tion mi ne povus precize difini, se vi demandus min pri ĝi. Ekzistas aliaj urboj eŭropaj ne malpli belaj aŭ interesaj laŭ diversaj vidpunktoj : jen Romo, la riĉega muzeo de l' antikve-romana kulturo, jen belega Florenco aŭ mirinda Venecio, aŭ majesta Ĝenovo, jen paradiza Nico, loganta Montekarlo, vari-bilda Marsejlo ; jen sude varmega Seviljo, aŭ la admirinde romantika Alhambro-urbo Granado, same sude varmega, kun la neĝomontoj de l' « Sierra Nevada » en la fono ; aŭ la homkaj trafikplena ĉefurbo de l' brita mondimperio ; aŭ la fieraj, iom reteniĝemaj kulturĉeflokoj de l' nordo : Stokholmo, Kopenhago, Helsinko ; aŭ la germanaj metropoloj : Berlino la amerikmaniere evoluinta, Hamburgo la granda havenurbo, Dresdeno la pura kaj higiena, Munĥeno la arta, Vieno la vivoĝoja sed sortobatita ; mi ne forgesu la ĉarmajn lokojn de Svislando ; Bruselon kaj Antverpenon, la belegajn metropolojn ; aŭ la urbojn de Nederlando ; Pragon la pejzaĝe belan kaj artoplenan ; aŭ la polajn, la baltikajn, la balkanajn ĉeflokojn ; aŭ kaj aŭ kaj aŭ.... Tamen, Budapesto kaj Parizo speciale eniĝis en mian animon.

Pri Budapesto mi ĉi tie ne parolu. Mi jam faris ĝin aliloke. Ĉi tie estu parolo pri Parizo, ĉar en Parizo okazos nunjare nia universala kongreso, la XXIV-a en la jam atentinda vico de l' universalaj Esperanto-kongresoj.

Parizo ! Via nomo sola enhavas por multaj promesplenan signifon. Parizo ! Tiu ĉi sola vorto signifas por multaj teranoj, kaj precipe ankaŭ por Esperantistoj, ofte karesatan revon, kies plenumo nun, pro la baldaŭa Kongreso, ŝajnas jam proksima.

Parizo ! Kapo kaj koro de granda, riĉa lando. Urbo de pompaj palacoj kaj imponaj bulvardoj. Urbo de eleganteco kaj lukso, urbo de brilo kaj lumo. Urbo de scienco kaj arto, de negocemo kaj trafiko, urbo de amindeco kaj ĝentileco, liberaleco kaj kosmopoliteco. Parizo ! Rendevuejo de l' mondo.

Sed ankaŭ urbo de modesta mezvivo, kiam oni flankeniĝas de ĝiaj grandaj arterioj, urbo de netruda diligenteco, de simpla etburĝeco, de trankvila ripozado.

Parizo, urbo de granda tradicio, de grandiozaj rememoroj pri disimilaj despotoj, senskrupulaj amestrinoj, sangaj revolucioj, heroaj generaloj, mondfamaj scienculoj, eltrovintoj, artistoj, verkistoj, konstruistoj, inĝenieroj....

Parizo, fiera pri la inteligenteco de siaj filoj, pri la diligento kaj ŝparemo de l' francujaj civitanoj, fiera pri sia glora historio, tradicio, pri sia brila vesto blindiganta la mondon, Parizo fiera (ĉu ne iom tro fiera ?), kiel ĉefurbo de la lando, pri ties oro, armiloj, potenco en la politika konstelacio de la nacioj.

Ĝi estas vidinda kaj ĝuinda en ĉiu tempo de l' tago kaj de l' nokto, ĝi estas interesa kaj esplorinda en ĉiu el siaj kvartaloj. Ĉu vi staras sur la Placo de la Konkordo kaj rigardas tra la « plej eleganta strato de l' mondo » — la Avenuo de l' Elizeaj Kampoj — al la Triumfa Arko, ĉu el la 300-metra alteco de l' Eiffel-turo vi per unu rigardego ĉirkaŭprenas la grandan urbon kuŝantan je viaj piedoj, ĉu de la monteto de l' preĝejo « Sankta Koro » sur Montmartro viaj rigardoj malproksimen velas trans la domomaron, ĉu vi promenas tra iu el la mallarĝaj stratetoj, kien hazarde vin portis via paŝo — ĉie vi vidas kaj sentas la senfinecon de tiu ĉi urbego, vi vidas kaj sentas ĝian vivon, vi sentas ĝian koron kaj ĝian animon.

Kiam vojaĝo min kondukas tra Francujo, mi ĉiufoje ŝatas halti en Parizo. Mi ŝatas tuj portiĝi min de la stacidomo al la centro de la urbo — fulmrapide sub bulvardoj, placoj, stratetoj, parkoj kaj domoj — per « Métro », ruliĝantaj ŝtuparoj kaj liftoj. Mi ŝatas refoje viziti « Notre-Dame », refoje promeni tra « rue de Rivoli » kaj laŭ la bulvardoj, refoje sidi sur trotuarteraso, kaftrinkante kaj observante la preterruliĝantajn ondojn de l' aŭtomobiloj kaj homoj. Mi ŝatas refoje esti suprenlevata al la plej alta supro de l' « Tour Eiffel », refoje viziti la tombon de l' « Granda Korsikano » sub la kupolo de l' Invalidoj. Mi ŝatas refoje viziti ankaŭ la muzeojn, la preĝejojn, la magazenojn kaj, vespere, la teatrojn kaj amuzejojn. Kaj, meznokte, ankoraŭ trovi lastan vagonaron de la subtera tramo, por konduki min al mia hotelo — se ne refoje okazos al mi, kiel iam antaŭ jaroj, ke mono malsufiĉas al mi pro troaj elspezoj kaj mi havos la plezuron, per propraj piedoj hejmeniri la vojon kvar- aŭ kvinkilometran kaj rifuzi la afablajn invitojn de ĉiuj belaj kaj malbelaj papiliulinoj, svarmantaj sur la noktaj bulvardoj de Parizo.

Parizo estas bela, Parizo estas interesa, Parizo estas alloga, kiel malmultaj aliaj urbegoj. Mi diris, ke ĝin ... kaj Budapeston, antaŭ ĉiuj aliaj urboj en Eŭropo, mi deziras ĉiam denove reviziti dum miaj vojaĝoj. Mi estas certa : ĝi plaĉos ankaŭ al vi, kara kongresano de la XXIV-a U. K.

Teo Jung.

# Vivado en Parizo

Oni povas kredeble vivi pli lukse en Parizo, ol en iu ajn alia urbo de la mondo. Sed oni povas ankaŭ vivi treege modeste kaj ŝpareme. La dua eblo certe pli interesas la plimulton el la anoj de la XXIV-a, kaj ni tie ĉi donas kelkajn praktikajn konsilojn por tiuj, kies monujo estas maldika.

Unue pri manĝoj, la plej grava ero de ĉies budĝeto. La Latina Kvartalo, en kiu okazos la Kongreso, estas la kvartalo de la studentoj, kiuj ofte estas tre malriĉaj. Sekve, tie estas multaj restoracioj kaj kafejoj kun tre moderaj tarifoj. Kaj pro la multeco de la naciecoj de la studentoj, oni povas manĝi laŭ la enlanda kutimo de preskaŭ ĉiu nacio de la terglobo (inkluzive de la franca, kompreneble !)

Matenmanĝon oni kutime prenas en kafejo. En preskaŭ ĉiu kafejo estas du tarifoj: unu por *la salle* (la salono aŭ sidejo) kaj alia por tiuj, kiuj trinkas kaj manĝas starante ĉe la vendotablo. Se oni sidas ĉe tablo en la salono oni pagas kutime 1 fr. 25 por kremkafo *(café crême, aŭ un crême)*, 50 centimojn por malpeza kurba bulko *(un croissant)* kaj 75 centimojn por duono de ordinara bulko buterita *(une tartine beurrée)*. Taso da ĉokolado *(un chocolat)* kutime kostas 1 fr. 50, kaj teo kun lakto *(un thé au lait)* 2 fr. 25. Oni donas dekprocentan trinkmonon, sed minimume 25 centimojn.

Ĉe la vendotablo la prezoj estas : *café crême*, 60 centimoj ; *un chocolat*, 80 centimoj ; *un croissant*, 35 centimoj ; *une tartine beurré*, 60 centimoj. Kutime oni donas dekprocentan trinkmonon, minimume dek centimojn.

En la restoracioj la kondiĉoj kaj prezoj por tagmanĝo kaj vespermanĝo estas samaj. Laŭ la apetito, kaj laŭ la restoracio, oni povas elspezi de ses frankoj ĝis dek du aŭ pli, inkluzive de trinkmono. En kelkaj restoracioj oni devas pagi de unu ĝis du frankoj por la *couvert* (t.e. buŝtuko k.c.), sed ĝenerale nur en la pli multkostaj. En tre multaj oni manĝas je fiksita prezo *(prix fixe)*, kutime po 6 fr. 50, 6 fr. 75 aŭ 7 fr. 50, plus trinkmono. Ĉe tiaj restoracioj oni kutime rajtas al supo *(potage)* aŭ antaŭmanĝo *(hors d'œuvre)*, viandplado *(plat de viande)* kaj fromaĝo *(fromage)* aŭ deserto *(dessert)*. En ĉiuj la trinkmono estas dek procento de la kosto, kutime minimume 75 centimoj.

Tiu informo validas por la viando-restoracioj. Krome, troviĝas en la kvartalo kelkaj bonaj vegetaranaj restoracioj ; oni publikigos liston aŭ en la Kongresa Gvidlibro aŭ en la Kongres-libro mem. La prezoj varias inter kvin kaj sep frankoj (kutime fiksita prezo), kaj oni rajtas al tri aŭ kvar pladoj. En ĉi tiuj restoracioj, kiel en aliaj je fiksita prezo, por kelkaj pladoj oni devas pagi suplementon, kiun oni montras sur la menuo. Cetere, oni povas manĝi vegetarane kaj bone en preskaŭ ĉiuj ordinaraj parizaj restoracioj ; ĉiam estas granda elekto ĉe la legomoj, salatoj kaj fruktoj.

Se oni deziras sidi kaj babili en kafejo, oni trovas grandan elekton de trinkaĵoj. Duonlitro da « blonda » biero *(un demi blonde)* kostas 2 fr., kaj duonlitro da bruna biero *(un demi brune)* 2 fr. 50. Pli malgranda estas la glaso da biero *(un bock blonde, aŭ un bock brune)* ; la prezo estas proksimume 1 fr. 50. La aperitivoj estas tiel multnombraj, ke ni ne povas ilin listigi tie ĉi ; ni rekomendas, ke la alilanda kongresano (se tio interesas lin) faru kelkajn eksperimentojn per la helpo de franca samideano. Limonado *(limonade aŭ citron pressé)* kostas 2 fr. 50 ; ankaŭ tre refreŝiga dum la varma vetero estas *un diabolo* (mineralakvo kun siropo), kiu kostas proksimume 1 fr. 50.

La veturado en Parizo estas rapida kaj ĝenerale tre malmultkosta. Plej praktike oni iras per « Métropolitain », pli ofte konata kiel « Métro ». Tiu urba, plejparte subtera fervojo tuŝas preskaŭ ĉiun parton de Parizo, kaj oni facile lernas la irmanieron. Estas du klasoj ; bileto por la unua kostas 1 fr. 15, kaj por la dua 70 centimojn. La dua klaso estas rekomendinda, krom dum la horoj kiam la gelaboristoj kaj geoficistoj de Parizo iras aŭ deiras sian laboron (8-a — 9-a matene, 5-a 30 — 7-a vespere), kiam en la dua klaso oni veturas kiel sardino en skatolo.

La aŭtobusoj estas bonaj káj rapidaj. La vojo estas dividita en etapojn, kaj veturante en dua klaso oni pagas unu bileton por ĉiu etapo veturata, plus unu. La prezo de bileto estas 40 centimoj. Sed oni povas aĉeti la biletojn multope ; tiam la kosto estas po nur 30 centimoj ; oni petu al la konduktoro *un carnet* (kosto, ses frankoj por dudek biletoj). En la unua klaso (t.e. la antaŭa parto de la aŭtobuso), oni pagas po unu bileto pli ol en la dua.

La taksioj kutime estas tre bonaj, kaj kompare kun aliaj urboj en Francujo kaj kun aliaj landoj, estas tre malkaraj. Oni donu iom pli ol dekprocentan trinkmonon ; minimume 75 centimojn.

E. V.

---

## Anoncetoj

*Kongresanoj kaj aliaj, kiuj deziras trovi korespondanton, povas publikigi anonceton sub tiu ĉi rubriko. La prezo estas unu franca franko por ĉiu linio (el sep vortoj) aŭ parto de linio.*

F-ino F. M. Bartholomew, kongresano 136, deziras korespondi kun neanglaj samideanoj, speciale pacifistoj kaj vegetaranoj.

Paul Hubert, 78 rue Damrémont, Paris-XVIII, deziras korespondi pri *Bhagavad-Gita* aŭ similaj libroj kaj temoj, sanskritaj eldonoj, tradukaĵoj, komentarioj en ĉiuj lingvoj.

Grava avizo. — La akciuloj de la eks-Presa Esperantista Societo (antaŭe rue Lacépède 33, Paris) estas insiste petataj skribi al fraŭlino C. Royer, 14 rue des Carmes, Paris-V (France), konigante sian detalan adreson kaj montrante la nombron de siaj duaseriaj akcioj.

# NI BABILADU PRI PARIZO

Ĉe unu el la arkaĵoj de tiu « Nova Ponto » Henriko IV-a konstruigis maŝinon por levi akvon kaj ĝin konduki en akvujon lokitan apud la preĝejo *St-Germain-l'Auxerrois*. Tiu konstruaĵo havis nomon : « Fontano de la Samarianino ». Ĝi estis ornamita per bela horloĝo kun skulptita grupo : Kristo, al kiu la Samarianino prezentas akvon. Nun nur granda magazeno « Samaritaine » memorigas nin pri tiu malaperinta fontano.

transpasis ĝin malgraŭ la konsiloj de la korteganoj. Al tiuj, kiuj rimarkigis al li, ke ĉio ne estas ankoraŭ finita kaj ke tial jam kelkaj personoj rompis al si la kruron sur la ponto, li respondis : « Neniu el ĉi tiuj estis reĝo kiel mi ! »

La apuda ponto, oriente, estas nomita *Pont au change*. La unua ponto tie konstruita estis starigita de Ludoviko la Juna en 1141. Sur unu parto de la ponto loĝis la oraĵistoj kaj sur la alia ekstrem-



Foto *Yvon*

LA FAMAJ LIBROBROKANTISTOJ APUD LA PONTOJ DE LA SEINE

La apudaj domoj, kiuj ĉirkaŭas la placon *Dauphine*, estas konstruitaj de ĉefprezidanto de la tiama *Parlament*, Achille de Harlay. Li estis ricevinta la terenon donace kun la kondiĉo, ke li tie konstruigos domojn laŭ modelo difinita (XVII-a jarcento). Vi nun povos vidi tiujn domojn, kies tiutempa stilo estas rimarkinda.

Nun ni forlasu tiun placon, sur kiu dum la granda revolucio la parizanoj enskribigis sin por la armeo sur podio, super kiu larĝa banderolo tekstis : « La patrujo estas en danĝero. » Kaj ni revenu al la ponto, de kiu ni ĝuos belan vidaĵon de la ĉirkaŭa Parizo. Ĉiuj tiuj pontoj estas interesaj pro la memoraĵoj, kiujn ili naskas.

Tiun « Novan Ponton » Henriko IV-a inaŭguris la 20-an de junio 1603, kaj

aĵo la monŝanĝistoj. Jen kial la ponto estis nomata « Ponto de l' monŝanĝo » *(Pont au change)*. Ĝi disfalis ofte en la riveron kune kun la domoj, kiujn ĝi surportis. Sed jam antaŭ tiu ponto ekzistis alia, kiu kondukis oblikve trans la riveron de l'« Kasteleto » *(Châtelet)*. Tiu ĉi ponto, konstruigita de reĝo Karlo V-a, estis nomata « Ponto de la Muelistoj » tial, ke ĉe ĉiu pontokolonego estis muelilo movata de la riverfluo. Ĉar tiuj mueliloj malhelpis la fluon, okazis ofte, ke dum altiĝo de la rivernivelo la mueliloj, ponto kaj surkonstruitaj domoj estis forbalaataj de la akvo. Tio okazis en 1196, 1280, 1325, 1407. Rekonstruita denove post katastrofo de la 22-a de decembro 1596, dum kiu pereis 150 personoj, ĝi ne plu estis restarigita.

Ankoraŭ pli oriente troviĝas la ponto

*Notre-Dame* (Nia Sinjorino), kiu ligas la insulon al la norda bordo. Sur tiu ponto pasis la unua vojo trairanta la praurbon Lutèce de nordo sudon. Tiu ponto, tiam nomita « Granda ponto », jam detruita de la normandoj en 861, estis kiel ĉiuj aliaj la kaŭzo de katastrofoj. Vendredon 25-an de oktobro 1499 ĉarpentisto Johano Papillon alkuris frumatene al la polica leŭtenanto kaj sciigis, ke la ponto disfalos antaŭ tagmezo. Je la 9-a la 65 domoj, kiujn ĝi surportis, falis efektive en la riveron, dronigante la lavistinojn, kiuj laboris apude.

Ĉe la suda parto de tiu bela strato, sur la suda brako de la rivero, troviĝas la *Petit Pont* (Malgranda Ponto), kiu estas anstataŭanto de same malnovaj pontoj. La unua tie konstruita ponto estis detruata de generalo Camulogène dum batalo kontraŭ romana Cæsar (52 a. K.). Oni poste rekonstruis ĝin el ligno. Sed en la sekvo ĝi estis ofte en tre malbona stato.

Rekonstruita en la sekvo multfoje, multfoje la ponto ree falis en la riveron kun la domoj, kiujn ĝi surportis : en 1196, 1206, 1240, 1296 k. t. p. Niaj praavoj rekonstruis ĝin obstine, ĉiam kun multaj kolonegoj, kun muelejo sub ĉiu arkaĵo kaj kun multaj domoj supre. Tial, tuj kiam la rivero forte ŝvelis.... Kian rimedon uzi kontraŭ neevitebla forbalao de l' ponto ? En 1206, timante disfalon, oni venigis la abaton de St-Denis kun longa procesio kaj multaj relikvaĵoj. La abato benis la riveron, kiu tuj videble malaltiĝis !

*(Daŭrigota.)*

ELBE.

---

# Inter la najloj

La pariza stratvivo estas eksterordinare moviĝema. Ĉu tial — por malebligi fatalan formoviĝon — oni alnajlis la stratojn al la grundo ? Ne ! La najloj, speciale dikkapaj, facile videblaj, kiuj formas jen kaj jen laŭlarĝe de l' stratoj paralelajn liniojn, havas alian taskon : ili signas neŭtralan zonon, kie ĉesiĝas la granda batalo de l' aŭtomobiloj kontraŭ la piediranto. Inter tiuj najloj la pacema promenanto povas transiri preskaŭ senriske de unu trotuaro al la alia, ĉar kiam li troviĝas sur la neŭtrala zono, la veturiloj devas lin respekti.

La regulo de la ludo estas simpla.

1) Ĉe ĉiuj najlovojoj, kie la policisto prezidas la trafikoembarasojn, oni transiru nur, kiam la bonfara policfeino, dank' al suprenlevo de magia bastono, haltigis la fluon de l' veturiloj.

2) Ĉe lokoj, kie la trafiko estas malpli kondensita kaj kie, tial, ne deĵoras policisto, la « piedulo » agu laŭ sia propra iniciativo kaj sen timo,



ĉar li ĝuas inter la najloj la privilegion de l' unua rajto, tio signifas, ke la veturiloj devas malrapidiĝi aŭ eĉ halti por lasi lin transiri senĝene.

3) Aldona regulo Oni ne restu inter la najloj pli longe ol necese kaj neniam misuzu ilin por babilaj kunvenoj.

* * *

La kongresanoj konstatos, ke parizanoj ĝenerale ne uzas la najlovojojn, sed preferas transiri laŭ sia kaprico, kio cetere estas punebla. Sed la pariza temperamento toleras malfacile disciplinon. Plue, la sekureco sur la neŭtrala zono estas relativa kaj, fakte, la parizaj ĵurnaloj havas okazan rubrikon : « Renversita inter la najloj ».

Sed, se la ludo estus absolute senriska, ĝi ne estus amuza.

JULES LARIBOIS.



Centra Presejo Esperantista (V. POLGAR), 33, rue Lacépède, Paris   *Le Gérant :* RAYMOND SCHWARTZ.